# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 01/02/2018 Tricent- kvindeknaŭa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

**Ĝis nun 1,490,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**



Ekstudis pli ol 1,200,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015)

Ekstudis pli ol 294,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.

**N.ro 13 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)**




Pasintsemajne ni vidis frazon reprezentantan bildon en la Aktiva Voĉo.

LA VIRO BATAS LA HUNDON FORTE PER BASTONO EN LA PARKO ĈAR ..... . La Aktiva Voĉo do montras per vortoj en vicordo bildon montrantan unue LA VIRO’n, kaj post tio kion li faras, BATAS, sekvata de la gramatika Objekto, LA HUNDON, kaj fine la cirkonstancojn.

En la Mediala kaj la Pasiva Voĉoj oni rigardas kaj observas la okazon tiel, ke oni unue indikas la suferanton de la ago, ĉar oni pli interesiĝas pri ĝi, do LA HUNDO. Notu ke en tiaj kazoj la antaŭa Objekto fariĝas la Subjekto, kaj do perdas la akuzativan –n. Notu ankaŭ, ke la bildo tute ne ŝanĝiĝis. La sekvanta ero en la pasiva/mediala maniero estas la verbo. Kvankam la ago tute ne ŝanĝiĝis, la formo de la verbo devas indiki, ke oni observas la agon el de la hundo al la viro. Oni faras tion donante al la verbo sufikson, AŬ –iĝi AŬ –ati AŬ –igi, respektive por la Medialo, la Pasivo, kaj la Faktitivo. Notu ke en la bildo nenio ŝanĝiĝas, nur la vicordo de nia observado.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**Semajna raporto de Melburno** Niaj kutimaj semajnaj kunvenoj rekomenciĝos en 5a de Februaro. *Joanne Johns*



## BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO

kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj

Dum la 2017jara Esperanto Kongreso en Brizbano ni erare vendis " LITERATURA MONDO 1". La libro apartenis al la BES BIBLIOTEKO. Kara nova posedanto, bonvolu vendi la libron al nia Societo, refoje. Ni estos nedireble feliĉaj.



1922 OKTOBRO

UNUA JARO NUMERO 1

LITERATURA MONDO

REDAKTA KOMITATO:
JULIO BAGHY • KOLOMANO DE KALOCSAY
PAŬLO BALKÁNYI • PAŬLO LENGYEL
ADALBERTO BAYER

RESPONDA REDAKTORO:
Dro TEODORO SCHWARTZ

REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: BUDAPEST, VI.

PRESITA: GLOBUS PRESARTINSTITUTO A. S.

Amike, Petro.




Antaŭnelonge BES Sekretario Petro Danzer ricevis komunikadon de S-ino Barbara Glisson, estinta Esperantistino, pro donaco de la "Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto ". Ŝi estis studentino de Grace Kirkwood el Coffs Harbour kiu estis studentino de Profesoro Robertson el Sidnejo. Grace tradukis ankaŭ "La Trezorinsulo ". NI vizitis Barbara en REDCLIFFE kaj ĝojis viglan diskuton pri Esperanto kaj Duolingo. Ŝi ankaŭ petis nin traduki du leterojn de Prof. Robertson. La Vortaro enhavis bildon kaj subskribon de S-ino Kirkwood. Plia kontribuo por la BES BIBLIOTEKO.



*Petro Danzer* BES Sekretario





## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin. La 3a de Februaro estos la tria sabato. Ĉiuj estas bonvenaj. Venu. *Roger Springer*





# N e ĝ a r d e n a ĵ o j .



## LA JUNULA VIVO DE NIA ZAMENHOF. PARTO 2.

La juna Zamenhof estis tre inteligenta kaj tre diligenta, ĉiam la plej bona en siaj klasoj, kaj ĉiuj anoj de lia klaso antaŭdiris por li brilan kaj sukcesplenan estontecon. Li havis specialan talenton por lingvoj. Li parolis tri kiel siajn naskiĝlingvojn, la rusan kaj la polan kaj la germanan, kaj kapablis flue legi la hebrean, la francan, kaj Latinon, kaj la jidan, germanan juddialekton, kiun li studis dum du jaroj kaj por kiu li kompletigis detalan gramatikon. Li havis teorian scion de la angla, la itala, kaj pluraj aliaj. Sed li juĝis la rusan kiel sian propran lingvon, kaj li verkis poemojn nur en la rusa kaj en Esperanto. Li pasigis siajn plej agrablajn tagojn en Litovujo, kaj juĝis tiun landon kiel sian nacion.

(Faktoj prenitaj el prizamenhofa libreto de Gaston Waringhien). *M. L.*

## PRI KELKAJ VORTLUDOJ.

Aŭstraliaj studistinoj kreis la sloganon *"If it's not on, it's not on".* Kompreneble ne eblas laŭvorte traduki tiun vortludon, pro la dusenceco de la angla adverbo "*on*". Ĉar tiaj dusencecoj de vortoj apenaŭ ekzistas en Esperanto, kaj devas ne ekzisti en Esperanto, la vortludo ne eblas en ĝi kaj ni devas traduki nur en senfigurajn esprimojn. Nu, la unua "*on*" estas adverbo signifanta "*on it*" = "sur la korpo", sed Esperanto ne uzas siajn prepoziciojn en tia ĝermanlingva maniero. La nederlanda esprimo uzas la prepozicion/adverbon "*aan*" sammaniere kiel la angla kaj diras por "*I have my socks on" "Ik heb mijn sokken aan*". Sed eĉ en la nederlanda la vortludo ne eblas, ĉar en tiu lingvo ne ekzistas la figura uzo de "*on*" por signifi "*happening*", okazonta aŭ okazos. Anstataŭe oni uzas precipe por tiu signifo la esprimon "*Het gaat door" = It goes through*. En Esperanto "Ĝi (= la okazo) efektiviĝos". Cetere la dua "*it*"-vorto estas sensignifa en la angla. La unua "*it*" referencas al "kondomo", ankaŭ en Esperanto en ĉi tiu idiomaĵo, sed en Esperanto oni ne uzas "sure", kvankam laŭregula, sed oni kombinas ĝin kun "estas" por havi "Se ĝi ne suras, la okazo ne estos (= ni ne seksumos)". Kelkaj, se ne ĉiuj el vi, dirus por la dua frazo : "la amuzo ne okazos", sed la angla ne havas ĉi tie la sencon de amuzo.

Ĉi tiu vortludo montras la malfacilon traduki figurajn esprimojn el etnaj lingvoj al Esperanto, sed la grado de tiu malfacilo dependas de kiom da figursencaj vortoj kaj esprimoj havas la etna lingvo. Pro tiu tialo traduki el la ĉina kaj el la angla estas multe pli malfacila ol ekzemple el la franca kaj la germana. Interesas ke en la angla la sama vortludo okazas ankaŭ en la pozitiva formo: *"If it's off, it's off*". En la nederlanda "*Als het af is,...*". Kaj en Esperanto: "Se ĝi malsuras (aŭ mankas), *M. L.*

## PRI LA KVIZOJ:



En la manlia respondo al la unua demando troviĝas kelkaj rimarkigaĵoj. En la frazo "Kial mi nun iras la urbon" mi trovas "kial" tro malforta, ĉar ne temas pri demando pri la tialo, sed pri la negativa *"What the hell am I going to the city for now".* Pro tio mi uzus "Kiel utilus se mi nun irus al la urbo", aŭ io simila. En alia

frazo: Mi dubas pri la traduko "kontraŭfaras" por *"expect"*. "kredas" ŝajnas al mi taŭga, kvankam mi aldonus "certe", ĉar *"expect"* estas ne nur "*believe*", sed *"I take it for granted"*. En "Mi esperas ke la murdisto estas baldaŭ kaptita", "esperi" ŝajnas al mi tro malforta: mi uzus almenaŭ "Mi ŝategas". Kaj "estas kaptita" estas kutima eraro. Se estas "baldaŭ", kie estas via futuro? Do "estos kaptata" aŭ pli moderne "kaptatos". NE "kaptita" ĉar li ne povas esti kaptita ĉar li ankoraŭ ne estas kaptata.("*caught*" ĉi tie en la angla ne estas pasinta sed sentempa pasiva participo). *M. L.*

**ŜATO KAJ MALŜATO.**

Aŭ poroj kaj kontraŭoj. Aŭ, pli bone, kontraŭoj kaj malkontraŭoj, ĉar jam ekzistas alia vorto oficiala "poro", nome la "poro" en la haŭto, kun do alia signifo ol la "poro" kiu estas la malkontraŭo. Do mi alkutimiĝos ne uzi "poro"n por tiu lasta signifo.

Nu, kelkfoje aŭstralie naskiĝinta homo demandas al mi, ja enmigrinton, kiojn mi trovas plej agrablaj kaj kiojn mi trovas plej malagrablaj en mia nova lando Aŭstralio. Kompreneble la agrablaĵoj estas , kiel en aliaj landoj, multe pli ol la malagrablaĵoj. Tial tre malfacilas elekti el tiuj agrablaĵoj. Unu granda avantaĝo, speciale kompare kun mia naskiĝlando Holando, estas la pli varma klimato, speciale la interesa kaj pro ŝanĝemo malteda vetero en Melburno. Ĝi faras la vivon pli interesa kaj samtempe pli facila, kvankam evidente ne pli saniga. Alia agrablaĵo estas la fakto, ke en Aŭstralio oni povas pli facile ŝanĝi sian profesion aŭ metion, dum en Eŭropo oni estas kvazaŭ ligita al certa metio kaj restas en ĝi la tutan vivon, ĉar oni devas temporabe fari studojn por diplomoj por akceptati en alia profesio. Kaj la aŭstralia kutimo, eĉ kulturo, akceptas tian ŝanĝadon, dum la eŭropa kulturo, kaj la eŭropaj dungistoj, tion ne akceptas. Tuj post alveni en 1952 en Melburno mi dungiĝis kiel poŝtisto, kiel ĝardenisto, kiel diversspeca fabriklaboristo, kaj poste kiel instruisto de diversaj fremdaj lingvoj. Neniu timetas pro via ŝanĝado, kvazaŭ tio estas normala ĉar vi lernas vian metion dum vi praktikas ĝin. Iu edukministra direktoro diris al mi, ke utilas ke vi provas instrui en fakoj pri kiuj vi nenion scias, kaj ke tio estas la politiko en la edukministrejoj. Tria granda avantaĝo estas la loĝmaniero. Dum en eŭropaj urboj la neriĉaj homoj, la plej grandega plimulto, loĝas en luitaj apartamentoj en blokoj de pluraj etaĝoj, sen ĝardenoj, la aŭstralia kutimo estas posedi sian domon kun ĉirkaŭanta ĝardenspaco. Por sperti freŝan aeron oni ne bezonas promeni en la stratoj.

**La plej malagrabla flanko** de Aŭstralio estas laŭ mi la kamparmuŝoj, kiuj povus kaŭzi ke mi migrus el Aŭstralio. En Eŭropo ekzistas du precipaj specoj de muŝo, la endomaj kiujn oni povas facile mortigi, kvankam ne ekstermi, kaj la kamparaj kiuj vivas nur en la kamparo kaj ĝenas, aŭ pli ĝuste ĝenegas, precipe la ĉevalojn, la bovinojn, kaj la ŝafojn, sidante kaj nutriĝante ĉirkaŭ la buŝoj, nazoj, okuloj, anusoj kaj mamoj de la kompatindaj bestoj. Tiu speco de muŝo neniam sidas sur la vizaĝoj de homoj. Kvankam ekzistas miloj da specoj de muŝo, ĉiuj utilaj kiel purigistoj, en Aŭstralio, almenaŭ en Melburno ekzistas precipe kvar specoj. Unue la dommuŝoj, sed malpli ol en Eŭropo, escepte ĉirkaŭ kokinejoj kaj ejoj de malgrandaj bestoj, La dua speco estas pli malgranda kaj serĉas precipe nur frukt- kaj legomrestaĵojn por manĝi. Ili vivas ekstere kaj endome. La tria speco, iom pli malgranda, loĝas precipe ekstere en la suno sed venas en vian domon nur por flugi en la sunbrilo. Ili ne eksidas sur vian vizaĝon, escepte de malofta subspeco sed nur se vi sidas aŭ laboras en la somera sunbrilo. Ili tiam ŝatas manĝi/trinki vian ŝviton sur iu ajn parto de via



nuda korpo. La kvara speco estas la kamparmuŝo, kies daŭra celo estas trakti vin en la maniero laŭ kiu la eŭropa kamparmuŝo traktas la bestojn. Mi tre malŝatas vizitati de tiuj muŝoj, ĉar ili unue sidas sur la lipoj de viaj kunpasaĝeroj, viroj kaj virinoj, kaj post tio sidas sur miaj lipoj. Mi deziras ne lipkisati de fremdaj viroj kaj eĉ ne de fremdaj virinoj. Krom la malhigiena problemo kaŭzata de tio, lipkisi estas por mi seksa ago, kvankam malforta kaj plej ofte sen seksuma intenco. Konsekvence mi neniam lipkisas virojn. Do tiuj muŝoj estas laŭ mi la plej malagrabla parto de Aŭstralio.

**La dua tre malagrabla negativaĵo aŭstralia**, multe pli malagrabla ol la tria kaj aliaj malagrablaĵoj, sed preskaŭ same abomena kiel la muŝoj, estas **la sistemo de privataj lernejoj**. Ĝi malbelege dividas la belan Aŭstralion kaj ĝian popolon en du malsamajn popolojn: la ordinarajn kaj la superajn, aŭ la malgravajn kaj la gravajn, aŭ la regatojn kaj la regantojn, aŭ la malpli valorajn kaj la pli valorajn. Ĉiu aŭstraliano scias kaj sentas, en kiu parto de la popolo ŝi aŭ li apartenas. Mi havas multe da sperto pri ĉi tiu duklaseco, kaj kiom ĉiu ano el la du klasoj konscias pri tio kaj agas proe, ĉar mi instruis dum tridek jaroj en kvar famaj privataj lernejoj kaj konas la psiĥologion de la privatlernejanoj kaj iliaj gepatroj.

**La tria sed multe malpli grava malagrablaĵo de Aŭstralio** estas la **malhonesteco** de la plejparto **de la politikistoj**, speciale la regantaj, kiuj tendencas kaj postulas labori en la intereso de la grandaj, precipe eksterlandaj, egkompanioj. La dua kaj tria malagrablaj flankoj de Aŭstralio nun plifortiĝas, kaj Aŭstralio tial fariĝas malpli alloga, sed aliflanke tion kompensas la multaj allogaĵoj, inter kiuj la amindaj karakteroj de la novaj enmigrantoj el Afriko.

*Marcel Leereveld.*



# Aŭstralia Tago 26a de Januaro





La 26-a de januaro estas la tago je kiu ni celebras la 'elkovron' de Aŭstralio. Sed por la homoj de la Unuaj Popoloj tiu dato signifas.....invadon. Do, kion fari por ke ni ne insultu kaj daŭre vundu la Indiĝenojn, samtempe festante la nacion al kiu ni ĉiuj, (senkonsidere de koloro, naskiĝlando, genro, seksoriento, ktp) apartenas, respektas kaj amas?





Estas du eblecoj laŭ mi:

(1) Ŝanĝu la daton, KAJ plibonigu la kondiĉojn favore al ĉiu Aŭstraliano, precipe al Aborigenoj.

(2) Kelkaj homoj fervore volas teni la 26-an por Oz-Tago, do, tenu ĝin, sed en la mateno ceremonie memoru la neesprimeblajn hororojn fifarintajn kontraŭ la homoj kies lando estis ŝtelita de ili, kaj de kiu ni ĉiuj hodiaŭ profitas. Memoru kaj solene agnosku tiujn abomenaĵojn. Kaj poste, festu pro la multkultura, multtalenta, multbenata nacio kiun Aŭstralio fariĝis, kaj pro la bonaĵoj kiujn ĝi nun donacas al ni ĉiuj. (Ne malsimile al ANZAC Tago - unue memoru, poste festu.) Mi tre ŝatus scii viajn ideojn kaj opiniojn.



*Vera Payne*



**Mi ne naskiĝis en la 17a jarcento.** Oni informas min ke homoj dum tiuj jaroj traktis aliajn rasulojn kaj klasulojn, laŭ tiamaj kutimoj, ne home sed abomene.
La nunaj moralaĵoj inter la diversaj homoj ŝanĝiĝis kaj estonte ŝanĝiĝos ĉar la ekonomiaj sistemoj ŝanĝadas laŭ la teknikaj malkovroj.

Kuraĝigi malkontenton pro la fiagoj de prauloj ne helpas ajnulojn.

Ĉiuj Aŭstralianoj egalas kiel civitanoj.

Eĉ spite ke 24% de Aŭstralianoj naskiĝis ekster Aŭstralio.

Aŭstralianoj spertas vivi kun aliaj kulturuloj.



Celebru la estantecon ne la pasintecon *Roger Springer*

**Celebru Aŭstralian Tagon kaj nian popolan miksaĵon**

| |
|---|
| Britujo kaj Irlando 6.35% |
| Nov-Zelando 1.7% |
| Italujo 1.32% |
| Ĉinujo 0.95% |
| Vjetnamio 0.91% |
| Iama Joslavio 0.82% |
| Grekujo 0.71% |
| Germanujo 0.65% |
| Amerikoj 0.59% |
| Filipinoj 0.56% |
| Nederlando 0.51% |
| Malajzio 0.48% |
| Barato 0.46% |
| Sud-Afriko 0.35% |
| Aliaj eŭropanoj 4.28% |
| Aliaj azioj 2.63% |



# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 9 Ree en Anglujo (dua ero)



Tiam naskiĝis Allan, mia dua filo ! Ankaŭ lin mi salutis kaj bonvenigis al la fizika mondo Esperante, ĉar li estis denaska esperantisto, sed li ne respondis !

Iun posttagmezon, kiam mi estis turnanta la pajlon en la grandega kokinejo, eniris lia moŝto. Li iris rekte al mi dirante, "vi estas maldungita ! Post unu semajno vi ne plu laboros por mi! "Dankon, eĉ dankegon !" diris mi, "kaj mi ne plu ŝlosos la kokinejojn sur la kampo !" Malaperis lia moŝto nenion dirante.

Ĉar mi estas honestulo, kaj ĉar lia moŝto nur tre malbone komprenis sian propran lingvon, mi konsideris, ke plej bone estas informi la ĉefkokiniston, Paŭl Freeman pri tiu mia nova decido. Mi do iris al lia domo, sed li bedaŭrinde ankoraŭ ne estis hejme. Mi do skribis sur malgranda slipo, ke mi ne plu intencas ŝlosi la kokinejojn sur la kampo, ĉar mi estas maldungita.

La postan tagon lia moŝto ree alparolis min montrante al la slipo. Li volis scii, kial mi ne plu volas ŝlosi la kokinejojn sur la kampo. Mi klarigis al li per tre simplaj vortoj, por certigi, ke li komprenas, ke ĉar li maldungis min, mi bezonas fari nur 40 horojn da laboro en la semajno. Lia sola respondo estis, "vi estas maldungita !" "Jes, tion mi scias", mi respondis, "tion vi diris al mi jam hieraŭ !" Kaj tiuj estis miaj lastaj vortoj al la memama frenezulo !

Mi trovis veturigiston kun granda ŝarĝaŭtomobilo, kaj li veturigis nin suden al Essex, proksime al Southend-on-Sea.

Ni ekloĝis en Essex, proksime al Southend-on-Sea, fakte en Rochford, proksime al kie la vikingoj siatempe surteriĝis. Iun tagon mi promenante trovis belegan preĝejeton en la regiono, kaj enirinte ĝin mi renkontis viron, kiu, aŭdinte ke mi estas dano, tre interesiĝis pri mi. Li tuj petis al mi, ke mi havigu el Danlando al la preĝejo malgrandan ŝipon pendigotan sub la tegmento de la preĝejo. Tion oni faras en Skandinavio. En ĉiuj preĝejoj pendas subplafone ŝipeto. Tio signifas ion, sed mi ne scias kion. Plej bone estas ke vikinga ŝipo pendu tie, sed tio estas maloftaĵo. Mi promesis al la viro havigi tian ŝipon, sed bedaŭrinde ankoraŭ ne plenumis mian promeson. Mi devas memori fari tion kiom eble plej baldaŭ.

Estas tre bele en Essex, kaj mi tre ĝuis loĝi tie. Mi luprenis propran domon, se oni povas nomi luatan domon propra. Ĝi ne estis mia propra, ĝi apartenis al iu germano, kies propra domo ĝi estis. La germano estis militkaptito, kiu restis en Anglujo post la milito. Sed li estis bonegulo, kvankam iom tro alkroĉita al mono, precipe al britaj pundoj.

Ĉar mi devis vivteni min, Audrey kaj niajn du filetojn, necesis ke mi laboru. Nu, ne plu plaĉis al mi ĉiutage rigardi en la postaĵojn de kokinoj por vidi, kiu estas la plej bona ovodemetanto. Mi do iris per ordinara buso al la urbego, en ĉi tiu kazo Southend. Tie mi trovis laboron en laktejo. Mi devis helpi enboteligi lakton en botelojn kun ruĝa surskribaĵo. Fakte estis tre belegaj boteloj, kaj ĉiutage mi ricevis senpage unu litron da lakto. Semajnfine mi ricevis ankaŭ kremon, do mi kaj mia eta familio dikiĝis en Anglujo.

*Daŭrigota* *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Esperanto Por UN

UN inform-paĝo por Esperantistoj




# Informilo de Januaro 2018

http://www.esperantoporun.org/informiloj/informilo-de-januaro-2018/ *Ctrl+Klaku*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Mohandas Karamchand Gandhi



Je la 30-a de Januaro pasis unu plia jaro ekde la murdo de la hinda pacista gvidanto Mohandas Karamchand Gandhi (1869-1948). En mondo signita per perforto, la verkisto Paiva Netto nepre rememorigas la sukcesan ekzemplon de paco fare de tiu gvidanto, kiu atingis per la filozofio de neperforto la sendependecon de Hindujo.

B.v. legu la artikolon per la malsupra ligilo: Idealo de Bono

Se vi deziras, ni afable petas, ke vi b.v. kundividu tiun bonan ekzemplon de laboro por la konstruo de pli bona mondo, kio estas pritraktata en tiu artikolo. Kun anticipa, ega danko, b.v. akceptu en via koro la sekvan penson de la aŭtoro:

*"Ekzistos Paco nur kiam Frateco loĝos en ĉies koroj".*

Plej fratamike,

Maria Aparecida da Silva www.bonavolo.com